# Boletín

## Federación Española de Esperanto
### Asociación de Utilidad Pública




N-ro 335 • Marto - Aprilo 1998

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

Kunlaborantoj: Salvador Gumá, Miguel Fernández, Vicente Hernández, Andres Martín, Luis Serrano, Antonio Valén, Antonio Marco.

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoro. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7;
ES-28015 Madrid;
Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79
Konto: 14.011.966, Caja Postal
admin@esperanto-es.org
www.esperanto-es.org

**Estraro**

Prezidanto: Miguel A. Sancho;
Vicprezidanto: José M. Galofré;
Sekretario: Manuel Parra;
Kasisto: Pedro Garrote;
Vicsekretario: Marcos Cruz;
Voĉdonantoj:
Luis Hernández,
Augusto Casquero,
Miguel Gutiérrez.

## Enhavo

# Invito al la Kongreso



**Estimataj membroj kaj simpatiantoj:**

Ni havas denove la okazon renkontiĝi en nia ĉiujara festivalo de esperanta kulturo. Certe la nacia Kongreso de Hispana Esperanto-Federacio taŭgas ne nur por la okazigo de la koncernaj kunsidoj rilate al la ordinara agado kaj al la ĝenerala kunveno de membroj, sed ĝi same gravas por la pliriĉigo de nia esperantista vivo per prezentoj de novaj libroj, debatoj kun la aŭtoroj kaj ampleksigo de nia mondo-kono.

Mi scias, ke la ĉi-jaraj organizantoj de la Kongreso en Valladolid faradas sian eblon por oferi kiel eble plej riĉan programon. Ili laboras por vi kaj via komforto dum tiuj tagoj, kaj kompense, ili simple esperas ke vi aktive partoprenu aktive aranĝojn.

Konsideru, ke ni ne estas Asocio, kiu konordigas la agadon de hobianoj. La Federacio okazigas sian kongreson ne nur por siaj membroj, sed por la tuta komunumo de la esperanto-parolantoj en Hispanio. Rimarkeblas la vorto komunumo, ĉar ĝi koncernas ularon, kiu aktive partoprenas kulturon. Ĉiu el ni, eĉ se ni ne estas aŭtoroj aŭ lingvistoj, simple pro nia uzado de la lingvo, akiras el la ceteraj samlingvanoj, kaj donas al ili, la belan sperton de komuna evoluigo de la lingvo, de la maturigo de ĝia literaturo (ĉar libroj ekzistas danke al la aŭtoroj kaj la legantoj), kaj de la percepto de malfacile esprimeblaj kun-sentoj ŝprucantaj el la komuna uzo de sama lingvo.

Kvamkam oficialas la nomo Kongreso de HEF, pli konvenas la titolo "hispana festivalo de la esperanto-kulturo", kiun HEF okazigas kiel unu el siaj taskoj. Kaj al tiu okazintaĵo mi entuziasme invitas vin partopreni. Denove rimarku, ke mi petas de vi partopreni, ne simple ĉeesti. Kaj tion ne pripensu kiel devon: por lingvano la plej granda plezuro estas uzi sian lingvon.

Do, estu elkore bonvena al Valladolid, kie esperebłe mi povos persone saluti vin.

Miguel Ángel Sancho, Prezidanto de HEF



# Estrarkunsido



*Rafaela Urueña kaj Luis Hernández prezentis al la Estraro ampleksan raporton pri la valadolida kongreso.*

La estraro de HEF kunsidis en la centra oficejo, la 14an de marto de 1998. Ĉeestis: Miguel Angel Sancho, Prezidanto; Pedro Garrote, kasisto; Manuel Parra, sekretario; Marcos Cruz, vicsekretario; Luis E. Hernández, Augusto Casquero, Miguel Gutiérrez voĉdonantoj; kaj la konsilantoj Rafaela Urueña, Maritza Graciani kaj Ana Manero. Kontaktis la sekretarion kaj ekskuzis sian neĉeeston la vicprezidanto José María Galofré kaj la konsilanto José Ma. Rodríguez Hernández.

Unue la Estraro kontrolis kiagrade ĝi plenumis la decidojn de la antaŭa kunsido. Jenaj mankoj montriĝis: 1) Ne okazis la aĉeto de fortenejo (aperis novaj cirkonstancoj kiuj postulas restudon de la afero). 2) Evidentiĝis la bezono fiksi la 30an de septembro kiel datlimon por la kampanjo 1000 "Donkiĥotoj". 3) Rilate al ILEI ni malkovris la ekziston de ILEI-delegito en Hispanio (!?). Espereble li kunlaboros kaj partoprenos en la kongreso de Valadolido.

Krom studi diversajn informojn pri la venonta hispana kongreso, kaj pri la Kampanjo 2000 de UEA, la Estraro alvenis al jenaj decidoj:

Aprovi la provizoran programon de la venonta Hispana Kongreso en Valadolido.

Akcepti kiel kandidatojn por 1999 la urbojn Castellón kaj San Javier (Murcia).

Trovi, ĝis la kongreso, solvon al la peto de nia UEA komitatano, Luis E. Hernández, ĉesi en la posteno pro personaj cirkonstancoj.

Peti al ĉiu hispana membro de UEA voĉdoni favore al samideano Casquero en la balotado por B-komitataneco.

Proponi al s-ro Antonio Valén akcepti la postenon de respondeculo pri rilatoj kun la Akademio de Esperanto.

Ne akcepti por ĉi jaro la proponon de s-ro José M. Rodríguez konsistanta en la investo de 100.000 ptoj por reklami la perkorespondan kurson en la grandaj naciaj ĵurnaloj. Nia buĝeto antaŭvidas 200.000 ESP por la eldono de informa triptiko. Cetere, nun ŝajnas pli konvene reklami per fakaj revuoj kaj tiri maksimuman profiton el la senpagaj anoncorevuetoj.

Enigi la spezojn kaj la havaĵon de Libroservo en la ĝeneralan librotenadon de la Federacio post du jaroj.

Akcepti la demision de Miguel G. Adúriz kiel direktoro de Fundación Esperanto.

Sendi la venontan numeron de Boletín kontraŭremburse al la membroj kiuj plurjare ne kotizis.

Aĉeti, konforme al la buĝeto, novan komputilon (250.000 ptoj), por kovri la mankojn de nia nuna informadika sistemo.

Ne akcepti por la nuna jaro la peton de la ĉefredaktoro de Boletín aĉeti novan printilon por la eldonaj taskoj (228.000 ptoj).

Daŭrigi la ĝisnunajn klopodojn por revivigo de la juna sekcio de HEF.

Reguligi la sendadon de informoj pri esperantaj aferoj al pluraj homgrupoj, kiel Unesko kaj diversaj ĵurnaloj.

Konfirmi la eldonadon de la verko de Lorca "Sanga Nupto" en kunlaboro kun Andaluzia Esperanto-Unuiĝo, akceptante antaŭmendojn por kovri la eldon-kostojn.

---




## 1.000

## Donkiĥotoj

| | |
|---|---|
| Antaŭa nombro | 33 |
| Esperanto Grupo de Valencia | 50 |
| Augusto Casquero (pliaj) | 5 |
| Pilar Vivas | 1 |
| Francisco Conejero | 25 |
| Darío Rodríguez | 1 |
| Manuel Pancorbo | 2 |
| Jaime Vinielles | 1 |
| José Miguel Bernabéu Egea | 10 |
| José F. Martín del Pozo | 5 |
| David Galadi-Enriquez | 2 |
| Juana García Galot | 1 |
| Nikolao Ŝil | 2 |
| Santiago Martín (Bilbao) | 5 |
| Francisco Cabezos Jimenez | 2 |
| Anĝelo Gogo | 1 |
| Carme Llapart | 5 |
| Eksterlandaj mendoj | 63 |
| Ĝisnuna nombro: | 214 |

HEF amase informis pri la kampanjo pere de Interreto kaj sendis informojn al ĉiuj internaciaj e-asocioj. Fakte, jam aperis anoncoj en pluraj revuoj (Ekz. Eventoj) kaj en Radio Polonia.

Nu, konvena okazo por akiri unu aŭ plurajn ekzemplerojn de bonega bindita libro (nur 1000 ptoj).

Jen bona ideo: Grupoj kaj Asocioj povas aĉeti plurajn ekzemplerojn kiel investon. Poste, en la fino de siaj e-kursoj, ili povos oferti la libron je "ridinda prezo" (ekzemple 1.500 ptoj) al siaj lernantoj, kiuj tutcerte profitos la oferton.

Ĉu vi jam mendis viajn ekzemplerojn? Nu, la defio estaras antaŭ... vi!

# JARRAPORTO DE LA HEF-ESTRARO

Alvenis la tempo por iom retro-rigardi kaj vidi la vojon iritan dum la jaro 1997, tio estas la jaro en kiu HEF festis sian 50an datrevenon.

Organize plej gravas la renovigo de la estraro, kun ŝanĝo de la prezidanto, la kasisto, la redaktoro de Boletín kaj enviciĝo de du konsilantoj. Tiu renovigo certe implicis ian ŝanĝon en la ĝenerala agadlinio de la Federacio, kiun eble oni povas rimarki.

En la pasinta jaro, por la unua fojo kaj pro leĝa devigo, ni prezentis agadan kaj financan jar-raporton ĉe la ministerio pri internaj aferoj, por plu rajti la oficialan titolon "asocio de publika utilo".

En la pasinta jaro la E-komunumo povis ĝui kelkajn bonajn novaĵojn, interalie, la inaŭguron de la Glorieta del Esperanto en Zaragozo kaj la refondiĝon de la E-grupo Verda Rondeto en Kastelono.

Jen la cetero en tre skiza prezento:

## ELDONAĴOJ

Regule aperadas nia organo "Boletín", kiu tenas nin ĉiujn bone informataj, nun sub la zorgo de Miguel Gutiérrez Adúriz.

En majo aperis la libreto "Pro Esperanto", redaktita de Antonio Alonso Núñez, kiu postulis de la Federacio grandan investon. Plej unue ĝin ricevis ĉiuj niaj membroj, poste ni komencis distribuan kampanjon: jam havas ĝin ĉiuj hispanaj eŭroparlamentanoj, la parlamentanoj de kelkaj Autonomaj Komunumoj, kaj baldaŭ ni liveros ĝin al ĉiuj deputitoj kaj senatanoj de la nacia parlamento. (La lokaj grupoj estas petataj partopreni ĉi tiun vastan inform-kampanjon: petu al la centra oficejo pakaĵon da "Pro Esperanto".)

Endas mencii la reeldonon de la vortareto Lexicón Sopena. Eĉ se tio ne estas rekta faro de la Federacio, tre verŝajne la vigleco de la hispana E-movado decidigis la eldonejon elpaŝi.

## LIBROSERVO

Plian jaron Luis Hernández prizorgis la disvendadon de libroj kaj aliaj varoj nome de HEF; koncernan raporton vi trovos ĉi-apude.

## INSTRUADO

Preskaŭ ĉiuj federaciitaj grupoj, kaj multaj individuaj membroj, plu instruadas la internacian lingvon en siaj respektivaj lokoj, laŭ oni konstatas sur la paĝoj de Boletín.

La Estrarano pri Instruado, s-ro Augusto Casquero, komencis la kontaktojn kun la respondeculoj de ILEI, cele al vigligo de tiu grava asocio en nia lando.

La perkoresponda kurso de HEF ekfunciis en marto 1997, komence kun speciala malalta prezo. Ĝis nun jam aliĝis 24 lernantoj, el kiuj unu jam ricevis la diplomon. Fernando Moral diligente pri-

zorgas la taskon revizii la ekzercojn. Nun HEF studas la eblon subvencii taŭgan propagandan kampanjon por informi pri la kurso en pluraj amaskomunikiloj.

## INFORMADO

Multaj informoj pri Esperanto atingis la ĝeneralan publikon pere de diversaj komunikiloj: intervjuoj en *Radio Vetusta*, *Radio Santoña*, *Radio Santander*, *Radio 5*, tuta programo en la *COPE*, taĝĵurnalo de Avilés, *Diari de Sabadell*, *La Vanguardia*, revuo *Mia*, la revuo *Netmani@*, aŭdkaseda magazino *Puerta del Sol* kaj diversaj radiostacioj okaze de la HK.

Prezento de la Manifesto de Prago en la gazetara klubo *La Nueva España*, Prezento de Cervantes en Esperanto en la Domo de Cervantes de Valadolido, Prelego en UEU (Eŭsklingva Somera Universitato), kaj la partopreno de niaj murciaj samideanoj en la loka Librofoiro.

Pri la informado rekte frita de HEF, la Asocio elektis alian entreprenon por siaj paĝoj en Internet. Tio implicis ŝangon de nia adreso, sed la nova estas jam definitiva, propra al HEF, kaj permesas multajn novajn eblojn (vidu Boletín-334, p. 2a).

## KULTURAJ ARANĜOJ

Pluraj kongreşoj okazis en nia lando. Kompreneble, la plej grava estis la 56a HK en Valencio, kiu okazis paralele kun la 7a Internacia E-Kongreso. Ĉi aranĝojn partoprenis 600 homoj (vidu Boletín 332), sed ni ĝuis ankaŭ aliajn kulturajn aranĝojn: 8a Kongreso de Valencia E-Federacio kaj Murcio, Renkontiĝo en Guardamar de Segura, 5a Internacia E-Semajno, Esperanto-Babiladoj, Rondotablo pri la verkaro de Manuel de Seabra, kaj multaj kunvenoj en la tuta lando precipe okaze de la Zamenhof-tago.

## BIBLIOTEKOJ

La biblioteko Juan Régulo daŭre kreskas danke al alveno de novaj titoloj. Hispana Esperanto Muzeo ricevis subvencion danke al premio starigita por havigi librojn al E-bibliotekoj. Reaperis 850 libroj de la iama valencia e-movado en la Urba Publika Biblioteko de Valencio. Cetere, interesa estis la kampanjo lanĉita por liveri E-lernolibrojn al la bibliotekoj de Andaluzio kaj Bizkajo.

## LIBROTENADO

La nova kasisto Pedro Garrote (loĝanta nun en Valadolido) kaj Maritza Graciani (Madrido) prilaboris la financan librotenadon de la jaro 1997a, laŭ la oficiala "Plan General Contable". La rezulto estas dudekpaĝa dokumento, kiun ni jam prezentis al la Ministrejo pri Enlandaj Aferoj.

La Estraro

## HEF kaj UNESKO

Manolo Parra

En rilato kun la tria celo de la kampanjo 2000: influi la internacian vivon, jen ĉerpaĵoj el cirkulero sendita de la prezidanto de UEA, S-ro Lee Chong-Yeong, al Landaj Asocioj kaj komitatanoj de UEA:

"(...) Laste UEA grave fortigis sian pozicion ĉe Unesko. Ĝi estas elektita membro de la Konsilio de Ne-Registaraj Organizaĵoj en oficialaj rilatoj kun Unesko. Krome ankaŭ ILEI rericevis sian statuson de asocio rilatanta kun Unesko.

Nun UEA, kunlabore kun ILEI, provas aranĝi pliajn eventojn kune kun Unesko. Temas interalie pri kunveno okaze de la venontjara UK kaj pri programo de instruado de E-o en plurlandaj lernejoj.

(...) Por akiri pliajn progresojn ĉe Unesko internaciskale, en la Unesko-komisionoj de unuopaj landoj devas kreiĝi favora klimato rilate al la esperanto-movado.

Ni, do, petas vin klopodi starigi bonajn rilatojn kun la Unesko-komisiono en via lando, kaj raporti pri viaj progresoj al UEA.

(...) La situacio de la Unesko-komisionoj en la unuopaj landoj estas tre varia (...) iulande eblos nur informi ĝin pri la ekzisto de la E-asocio kaj sendi al ĝi regule informojn pri la agado, dum en aliaj landoj eblos konkrete kunlabori por efektivigo de projektojn (...) kaj je landa kaj je loka niveloj. Lokaj kluboj kaj unuopuloj estu instigataj ligi kontaktojn kun lokaj Unesko-kluboj kaj membriĝi en ili ĉie, kie tia klubo ekzistas. Se tia klubo ne ekzistas, esperantistoj povas iniciati ĝian fondon. (...)".

Ĉi-rilate HEF kontaktis la "Comisión Nacional Española de Cooperación con la Unesko". Tien ni sendis diversajn informojn pri esperanto kaj pri HEF kaj ties agado. Ni prezentis niajn celojn, niajn strebojn kaj nian disponeblecon kunlabori en konkretaj untaj agoj. Ni aldonis plurajn materialojn (manifeston de Prago, broŝuron "Pro Esperanto") kaj promesis plu sendadi informojn kaj resti en kontakto.

Ni instigas al lokaj grupoj kaj unuopuloj sekvi la proponon de UEA, starigi kontaktojn kun la lokaj Unesko-kluboj kaj agi ĉe ili laŭeble. Pri viaj demarŝoj kaj atingoj, Boletín kaj HEF-oficejo estu informataj, tiel ke regule ni povu sendi raporton pri nia agado al UEA

## La vortaro de Sopena...

# elĉerpiĝos

Eldonejo Sopena informas al Hispana Esperanto Federacio ke la pasintjare reeldonita vortaro de Esperanto "Lexicón" baldaŭ elĉerpiĝos. Ĉiu grupo deziranta akiri pliajn ekzemplerojn devas do fari sian mendon kiel eble plej baldaŭ, jen rekte ĉe la eldonejo jen pere de HEF.

*Manolo Parra*

# Hispana Esperanto-Federacio. Balance de Situación.

| DEBE | Ejercicio 97 | Ejercicio 96 |
|---|---|---|
| A) GASTOS | 1.835.624 | 1.312.009 |
| 2. Aprovisionamientos | 1.016.394 | 363.785 |
| a) Consumo de mercaderias (*) | 1.016.394 | 363.785 |
| 3. Gastos de personal | | 55.496 |
| b) Cargas sociales | | 55.496 |
| 6. Otros gastos explotación | 803.637 | 870.819 |
| a) Sercicios exteriores (*) | 803.637 | 870.819 |
| I. Beneficios de explotación (B1+B2+B3+B4-A1-A2-A3-A4-A5-A6) | | |
| 9. Diferencias negativas de cambio | | 6.512 |
| II. Resultados financieros positivos (B5+B6+B7+B8-A7-A8-A9) | 4.103 | |
| III. Beneficios actividades ordinarias (A1+AII-B1-BII) | 4.103 | |
| IV. Resultados extraordinarios positivos (B9+B10+B11+B12+B13-A10-A11-A12-A13-A14) | 96.700 | 18.565 |
| V. Beneficios antes de impuestos (AIII+AIV-BIII-BIV) | | |
| 15. Impuesto sobre sociedades | 15.593 | 15.397 |

| HABER | Ejercicio 97 | Ejercicio 96 |
|---|---|---|
| B) INGRESOS | 1.507.746 | 1.085.467 |
| 1. Importe neto de cifra negocios | 1.237.252 | 1.019.494 |
| a) Ventas (*) | 1.237.252 | 1.019.494 |
| 4. Otros ingresos de explotación | 169.691 | 44.605 |
| a) Ingresos accesorios y otros | 124.416 | 10.430 |
| b) Subvenciones | 45.275 | 34.175 |
| I. Pérdidas de explotación (A1+A2+A3+A4+A5+A6+B1-B2-B-3-B4 | 413.088 | 226.001 |
| 5. Ingresos participac. en capital | 4.103 | 2.803 |
| a) En empresas del grupo | 4.103 | 2.803 |
| II. Resultados financieros negativos (A7+AB+A9+B5+B6+B7+B8) | | 3.709 |
| III. Pérdidas activid. ordinarias (B1+BII-AI-AII) | 408.985 | 229.710 |

| | | |
|---|---|---|
| 12. Ingresos extraordinarios | 96.700 | 18.565 |
| IV. Resultados extras negativos (A10+A11+A12+A13+A14-B9-B10-B11-B12-B-13) | | |
| V. Pérdidas antes de Impuestos | 308.182 | 211.145 |
| (BIII+BIV-AIII-AIV) | | |
| VI. Resultado Ejercicio (Pérdidas) | 323.775 | 226.542 |
| (BV+A15+A16) | | |

| ACTIVO | Ejercicio 97 | Ejercicio 96 |
|---|---|---|
| B) INMOVILIZADO | 11.016.437 | 11.015.487 |
| III. Inmovilizaciones materiales | 11.016.437 | 11.015.487 |
| 1. Terrenos y construcciones | 10.000.000 | 10.000.000 |
| 2. Instalaciones técn. y maqu | 425.778 | 425.778 |
| 3. Otras instalaciones,ut. y mob. | 358.134 | 358.134 |
| 5. Otro inmovilizado | 232.525 | 231.575 |
| D) Activo circulante | 2.922.778 | 2.920.728 |
| II. Existencias | 242.142 | 120.290 |
| 1. Comerciales | 242.142 | 120.290 |
| III. Deudores | 711.525 | 147.390 |
| 1. Clientes por ventas y servicios | | |
| 4. Deudores varios | 711.525 | 147.390 |
| VI. Tesoreria | 1.811.241 | 2.645.822 |
| VII. Ajustes por periodificación | 157.870 | 7.226 |
| TOTAL GENERAL (A+B+C+D) | 13.939.215 | 13.936.215 |

| PASIVO | Ejercicio 1997 | Ejercicio 1996 |
|---|---|---|
| A) Fondos propios | 13.089,522 | 13.417.400 |
| I. Capital Suscrito | 13.417.400 | 13.643.942 |
| VI. Pérdidas/Ganancias (Benef./Pérd.) | -327.876 | -226.542 |
| E) Acreedores a Corto Plazo | 849.693 | 518.815 |
| IV. Acreedores Comerciales | 770.843 | 408.095 |
| 2. Deudas por compras o pretaciones | 770.843 | 408.095 |
| V. Otras deudas comerciales no comerc. | | |
| 1. Administraciones Públicas | | |
| VII. Ajustes por periodificación | 78.850 | 110.720 |
| TOTAL GENERAL (A+B+C+D+E) | 13.939.215 | 13.936.215 |

# Enspezoj kaj elspezoj de libroservo dum 1997

| | | |
|---|---|---|
| **Enspezoj** | | |
| Antaŭa saldo | | 45.129 |
| Vendado de libroj | 1.049.024 | |
| Interezoj konto Poŝta Kaso | 89 | |
| Diversaj abonoj por 1996 | 82.550 | |
| Aliaj | 88.612 | |
| En UEA-konto | 153.837 | |
| JARENSPEZOJ | | 1.374.292 |
| ENTUTE | | 1.419.421 |
| **Enspezoj** | | |
| Aĉetado de libroj | 887.108 | |
| Oficeja materialo | 39.002 | |
| Poŝto (poŝtmarkoj, OIC) | 90.347 | |
| Transporto de libroj | 34.432 | |
| Bankaj elspezoj | 1.122 | |
| Telefono | 10.073 | |
| Diversaj abonoj por 1996 | 79.050 | |
| Aliaj | 6.432 | |
| IVA | 69.115 | |
| Per UEA-konto | 153.837 | |
| HEF | 2.610 | |
| JARELSPEZOJ | | 1.373.128 |
| Saldo al nova konto | | 46.113 |
| Entute | | 1.419.241 |

## Agado de Libroservo dum 1997

Pasintjare, LS vendis librojn kaj aliajn varojn (emblemojn, kasedojn, ktp.) kun valoro de pli ol unu miliono da pesetoj. Al tio kontribuis ne nur la normalaj vendoj, sed ankaŭ tri eksterordinaraj enspezo, nome 87.465 ptoj de la murcia kongreso de 1996, 151.718 ptoj de la valencia kongreso de 1997 kaj 39.493 ptoj de la librofoiro en Murcio.

Laŭlonge de la jaro, LS sendis 138 pakojn (nur unu estis resendita). Cetere, LS lanĉis plurajn ofertojn, ĉefe pere de Boletín, kaj duoje eldonis 32-paĝan Katalogon kun informoj pri la kutimaj varoj kaj diversaj e-eventoj. LS ankaŭ akceptis la pagon al pluraj e-revuoj kaj internaciaj e-asocioj, kaj sendis librojn eksterlanden, ĉefe al UEA.

Valladolid, 31 de decembro 1997

La Prezidanto, Miaguel A. Sancho; La Libroservanto, Luis Hernández



# Donacoj

## Donacoj en 1997

| | |
|---|---|
| Tomás Apraiz | 350 |
| Joan Bruno Roselló | 700 |
| Miguel Gutiérrez | 8.000 |
| Rodolfo Canet | 350 |
| Magdalena Clerch | 350 |
| Salvador Gumá | 3.200 |
| Carme Llapart | 500 |
| Juan Martínez | 200 |
| Venancio Monsalve | 350 |
| Anonimulo | 25.000 |
| César de Mosteyrín | 570 |
| Miguel A. Sancho | 500 |
| Eugenio Sanz | 350 |
| Celestino Gómez | 100 |
| Alberto García | 1.250 |
| Totalo: | 41.770 |

## Donacoj en 1998

| | |
|---|---|
| José Sardà | 1.800 |
| Tomás Apraiz | 300 |
| Martín Aguado | 1.000 |
| Tomás Ortiz | 300 |
| Ĝisnuna totalo: | 3.400 |

Bonvolu uzi la bonan konton de HEF en Caja Postal 14.011.966 por ajna kontribuo. Dankon

# Listo de novaj membroj

Jen la nomoj de la membroj aliĝintaj en 1997.

| | |
|---|---|
| Enrique Gago Robles | OM |
| Alberto Granados Orcero | OM |
| Josu Lezama Urrutia | OM |
| Miguel Navarro Navarro | OM |
| José S. Pascual Jornet | OM |
| Pilar Vivas Herrero | OM |
| Lucia Peredo Fuentes | OM |
| Susana Gutiérrez Rivero | OM |
| José Aracil Mira | OM |
| Jesús Bravo García | OM |
| Alejandro Casanova | OM |
| Enrique Cedeño Guerra | OM |
| José M. Cruz Frutos | OM |
| José M. Fernández | OM |
| Margarita García Hedo | OM |
| Cosme Goméz Pérez | OM |
| Julio Marin Peréz | OM |
| Joan Mármol i Moix | OM |
| Ramón Maynou Ferreres | OM |
| Ana Montesinos Marín | OM |
| Pedro Nieto | OM |
| Francisco Peña Gómez | OM |
| Alfonso Piedehierro | OM |
| Vicente Puyuelo Ceresuela | OM |
| Tomás Ruiz Gómez | OM |
| Emilio Sanz Mata | OM |
| Angelita Sanz Mayor | OM |
| Enrique Velasco | OM |
| Marcio Rivas da Silva | OM |

*Junaj membroj*

| | |
|---|---|
| Miguel Glez Cuadrado | OM |
| Carlos Herrero Módenes | OM |
| José A. Valverde Martín | OM |
| Susana Manero García | OM |
| Félix M. Jiménez Lobo | OM |
| Manuel Sánchez Rosado | OM |
| Alfonso Criado Grande | OM |
| Victor M. López León | OM |

# Survoje al la 57a H K

Luis Hernández



Fakte ne estas facile prepari allogan kaj interesan kongreson, sen faka scio kaj sufiĉaj monrimedoj; tamen entuziasmo kaj komprenemo certe helpos atingi la celon.

Malgranda teamo daure laboras por ke via restado en Valladolid estu vere neforgesebla. Tiucele ni klopodis ke vi ĉiuj ĝuu plej bonan komforton, kaj sukcesis akiri por la kongresontoj tre favorajn loĝ-prezojn en du gravaj hoteloj. Ni konscias ke, malgraŭ la drastra rabato, eble kelkaj ne povos profiti la oferton. Tial ni faris demarŝojn ĉe studentaj restadejoj, sed la datoj de la Kongreso montriĝis nefavoraj.

Ni preparis varian programon, kiu, ni esperas, kontentigos la intereson kaj la emon de la kongresanoj kaj de ties akompanantoj. Tiuj lastaj, miaopinie, tre forgesataj en la lastaj kongresoj.

Alia celo estas la malfermo de la kongreso al la ĝenerala publiko, al kiu ni dediĉos du erojn el la programo, tiel montrante la kulturan kaj lingvan valoron de Esperanto. La unua estos hispanlingva prelego pri Esperanto fare de Augusto Casquero. Ĝi okazos en salono de *Caja Duero*, situanta en unu el la plej gravaj kaj centraj stratoj de la urbo. La alia estos hispanlingva prelego pri *Lorca* fare de Miguel Fernández, elstara esperantista poeto kaj tradukisto, kadre de la *Mañanas de la Biblioteca* en la Domo-Muzeo de Cervantes.

Cetere, ni deziras ke ĉiu kongresano konu la arttrezorojn de la urbo. Por tio ni aranĝas, kun la helpo kaj apogo de turismaj oficialaj instancoj, gvidatan viziton tra la urbo, viziton al la Nacia Skulptarta Muzeo kaj Folkloran Prezentadon.

Ankaŭ la gastronomio, parto de la popola kulturo, rolos en la kongreso pere de Bankedo en "tipa vinkelo" situanta nur je kelkaj kilometroj for de la urbo.

Memoru: la esperantistoj de Valladolid atendas vin.

# PROGRAMO de la 57ª HK

**30-4-98**
19,30 Interkona Vespero
Disdonado de dokumentoj

**01-5-98**
10.00 Inaŭguro
Festparolado de Prof. Miguel Faria de Bastos (Prezidanto de Portugala Esperanto Asocio)
12.00 Estraranoj respondas
13.00 Aŭtoroj sin prezentas (Rafaela Urueña kaj Miguel Fernández)
17.00 Kunsido de H.E.F-Estraro kun reprezentantoj de Grupoj
17.00 Informaj kunvenoj
18.30 Prelego kun bildoj pri HEF en *Internet* (M. A. Sancho)

**02-5-98**
10.00 Prelego (Jorge Camacho).
10.00 Turisma vizito tra la urbo
11.30 Prelego: Homo, homaro, kreanta naturo: La Tri Fundamentoj" (J. Raposo)
13.00 U. K. Montpellier (Vidbendo)
18.00 Ĝenerala Kunsido de H.E.F.
20.00 Informa hispanlingva Prelego pri Esperanto (Augusto Casquero) Salono de *Caja Duero* (Strato *Duque de la Victoria*)
20.00 Arta Vespero (Folklora Grupo *Arienzo* kaj la esperantista muzikisto Solotronik) Salono Borja (Strato *Ruiz Hernández*)

**03-5-98**
09.30 Katolika Diservo en Esperanto (Kapelo de Sta Kruco en la samnoma Placo)
10.30 Fermo de la Kongreso
Livero de la Premio Klara Silbernik
12.00 Prelego pri García Lorca en la Domo-Muzeo de Cervantes (M. Fernández)
14.30 Adiaŭa Bankedo en tipa vinkelo. (*Bodega La Sorbona* en *Fuensaldaña*, vilaĝo proksima al Valladolid).

## 57a HEF-Kongreso

ALVOKO AL ĜENERALA KUNSIDO

Konforme al nia statuto, la HEF-prezidanto alvokas ĉiujn membrojn al la Ordinara Ĝenerala Kunsido okazonta en "Centro Cívico El Campillo", de Valladolid, la 2an de majo de 1998, kadre de la Hispana Kongreso de Esperanto.

TAGORDO

1.— Lego kaj aprobo de la protokolo de la antaŭa ĝenerala kunveno.
2.— Prezento kaj aprobo de la kontoj de HEF kaj de Libroservo.
3.— Prezento kaj aprobo de la jarraporto de la estraro.
4.— Kotizoj por 1999.
5.— Demandoj, petoj, proponoj.




## Aragono

La 8an de la pasinta februaro okazis ĉe la sidejo de la zaragoza esperanta rondo Frateco la ĉiujara Ĝenerala Kunveo de la Asocio, en kiu oni analizis la disvolviĝon de ĝia agado sub plej diversaj aspektoj, precipe la ekonomia, ĉiutage pli malfacila post la apero de la nova ŝtata leĝo pri lu-pagoj, postulanta ĉiujara plialtigon de la luoj dum dek jaroj, kaj, post tiu aktualigo, formaligi novan kontrakton. Tiuj plialtigoj formanĝas la plej grandan parton de nia buĝeto kaj serioze baras la financadon de aliaj projektoj fundamentaj por nia estonto. La kunsidantoj rekomendis al la loka estraro studi proponon pri eventuala de propra komuna sidejo de Frateco kaj Fundación Esperanto, aŭ decidi kion pli konvenas por solvi la situacion.

Oni gratulis nian samideanon Lorenzo Noguero pro lia meritoplena tasko gvidante la ĉiujaran e-kurson por komencantoj kaj same nian kolegon Antonio Valén pro lia laboro ĉe la perfektiga kurso.

La kunvenantoj akceptis proponon de la membro Vicente Garcés por prezentado de programo por altiro de novaj membroj post ne pli malfrue ol unu monato.

La sekretario informis la ĉeestantaron pri tio ke loka ŝparkaso akceptis, laŭ nia peto, donaci al nia rondo, okaze de nia 90-jara datreveno, uzitan kompleton konsistantan el komputilo kaj presilo, kiuj evidente modernigos nian burokratan laboron.

*A.M.B*

## Asturio

Faustino Castaño gvidas konversacian kurson. Partoprenas 8 iamaj membroj de la asocio, kiuj interesiĝis pri la kurso danke al cirkulero sendita al ili. Inter la kursanoj troviĝas 86-jara entuziasmulo, José Palacio Tuero, kiu aperas sur foto de asturaj e-istoj de 1923! Post la unua semajno ĉiuj kursanoj papage parolis en lingvo, kiun ili jam kredis forgesita.



La Ĝenerala Kunsido de Astura Esperanto-Asocio okazis en februaro. Santiago Mulas plu estos la Prezidanto, kaj kiel voĉdonantoj estis elektitaj du novaj homoj: Pilar Alonso kaj Cristina Diaz. Altiras la atenton la deziro de la Estraro munti la eksposicion pri minoritataj etnioj, kiun la Internacia komitato por etnaj liberecoj, gvidata de Joachim Moritz, jam dufoje prezentis en Germanio en la jaroj 95a kaj 97a.

Cetere, aperis la 19a numero de "Antaŭen" (januaro), revuo de la Avilesa Esperanto-Grupo.

*Santiago Mulas*

## Ekstremaduro



Samideano José González Rodríguez daŭre instruas ne nur en sia urbo Badajoz, sed ankaŭ en la provinco Huelva. Jen ĉi-kune oni povas vidi foton pri la grupo de lernantoj de la lasta kurso.

## Eŭskio

En Januaro komenciĝis en Bilbao nova elementa kurso, gvidata de la nelacigebla Prezidanto, Injaki Velez. Ĝin partoprenas 8 gelernantoj kaj okazas la lundojn, inter la 7,30 kaj la 9,30.

La unuan dimanĉon de ĉiu monato, la E-Grupo de Bilbao instalas inform-tablon en la "Nova Placo" de Bilbao, la plej vizitata loko en la urbo, pro tio ke en ĝi okazas, ĉiudimanĉe matene, merkato pri uzataj libroj kaj revuoj, interŝanĝo de poŝtmarkoj, moneroj, telefon-kartoj, bildkartetoj, ktp. Krom interesaj interparoladoj kun la demandantoj, ni pasigas tre agrablan matenon, ĉar eblas longe praktiki Esperanton inter ni.

Kompreneble la membroj de la grupo daŭre kunvenas ĉiuvendrede kaj Estrarkunsidoj okazas la 1an vendredon de ĉiu monato.

Membro el la grupo eldonis gluafiŝetojn (14,6 x 5 cm.) kun la interreta adreso de HEF. Ili estas presitaj sur memgluebla oranĝa fluoreska papero, kaj montriĝas tre taŭgaj por informado precipe en ciberkafejoj kaj universitataj medioj.

Aperis la januara-februara numero de "Nia ponto", cirkulero de la Grupo, kun ĝeneralaj informoj por la membraro.

Niaj tre gravaj financaj problemoj, kiuj peze balastis nian tutan agadon dum la 4 pasintaj jaroj, iom post iom malaperas, tiel ke, espereble, tiu ĉi estos nia lasta "malhela" jaro. Tiel estu!

La Ĝenerala Kunsido de la Grupo de Bilbao okazis la 27an de Marto, sed pri ĝi ni informos venontnumere.

*Miguel Iturrioz*

TEJO-KER seminario okazos en la alava ĉefurbo, Vitorio, inter la 25 de aprilo kaj la 2a de majo. Oni antaŭvidas partoprenon de trideko da eŭropaj gejunuloj. La pritraktota temo estos "Homaj rajtoj". La interesitoj kontaktu s-ron Rafael Blanco Arbe; Larrainbide 3, e ezk.; ES-31800 Altsasu; Alava; Tel: (9)48-56-38-99.

Laŭ invito de la organizantoj de la "Tago de la nesubmetiĝantoj", Alava E-Asocio aranĝis butiketon por liveri al ĉeestantoj informojn pri la nuna situacio

de la internacia lingvo. Precipe oni disdonis flugfoliojn kun la Manifesto de Prago.

En la revuo *Argia* aperis recenzon pri la metodo "Esperantoa Ikasgai" de Aitor Arana, kiu lastatempe tradukas la verkon de la fama vaska verkisto Bernardo Atxaga "Behi euskaldum baten memoriak" (Memoroj de eŭska bovino).

*El "Kuspe"*

## Kanariaj Insuloj

La membroj de ESTO (Esperantista Societo de Tenerife) kutimas renkontiĝi ĉiudimanĉe de la 11a ĝis la 13a, en la strato San Agustín, 23; La Laguna; Tenerife. Vizitantoj bonvenindas!

La Asocio havas propran TTT-paĝaron en Internet. Ĝin prizorgas Francisko Orta-Soler, 26-jara kumputilisto.

Ĉiumarde okazas unuhora radioelsendo per "Onda Interior", FM-105, (de 22:00 ĝis 23:00, UT) pri kaj en Esperanto. La elsendo konsistas el: a) babilado, intervjuoj, e-novaĵoj, kaj interŝanĝoj kun "Radio Esperanto" (Västeras, Svedio); b) Esperanto Kurso. La stacio 2 Kva. aŭskulteblas en La Laguna (ĉ. 150.000 loĝ.), Santa Cruz de Tenerife (250.000 loĝ.), kaj en la nordokcidenta parto de Gran Canaria (ĉ. 100.000 loĝ.). Tial do la potenciala nombro da aŭskultantoj estas 500.000.

La reago al la kurso estis interesa. Kelkaj kursanoj jam de la kvina leciono kuraĝis skribi leterojn eksterlanden, ankaŭ per interreto. La estraro de la radiostacio opinias la ĝisnunan laboron ege kontentiga, kaj oni volas ke, fine de la kurso, ni daŭrigu la elsendojn. Oni eĉ sugestis ke, eventuale, ĝi povus esti tute en esperanto.

Cetere, ekzistas ankaŭ grupetoj, kiuj ricevas lecionojn pere de ESTO kaj libervolaj e-instruistoj.

Krome, ESTO intencas reakiri la Kurson en la Universitato de La Laguna, kaj tiucele ĝi jam prezentis dosieron ĉe la Fakultato pri Filologio, kun kiu ĝi tenis esperigajn kontaktojn.

*Leandro Trujillo*

## Kantabrio

La 26an de januaro komenciĝis baza e-kurso en la sidejo de la kantabra asocio (ACE). Ĉeestas 9 lernantoj. La lokaj radiostacioj kaj ĵurnaloj koncize informis antaŭ la komenco de la kurso.

La 29an de januaro, oni intervjuis s-ron Miguel Gutiérrez dum duonhoro por la loka radio "Radio Santoña", kaj la 3an de februaro aperis preskaŭ kompleta paĝo kun intervjuo kaj foto en la regiona ĵurnalo "Alerta". La artikolo estas nekutime bone konstruita. Ĝi prezentas la esperantan movandon en tre pozitiva formo, parolante, interalie pri la subteno kaj rekono de UNESKO, kaj aldonante je la fino la adreson de HEF en Internet.



ACE esploras la realigon de ambicia omaĝ-projekto, kiu konsistos en la traduko de unu du rakontoj de la kantabra verkisto Manuel LLano al pluraj lingvoj, kaj la eldono de libro dediĉita al tiu aŭtoro, ene da la kolekto "Hispana literaturo".

## Kastilio-Leono

Ĉiuĵaŭde, de la 20.15 h. ĝis la 21.15 h. en "Centro Cívico El Campillo", kongresejo de la 57a Hispana Kongreso de Esperanto, la valadolidaj esperantistoj havas la okazon kunveni por praktiki la lingvon en la nomataj "Interparolado pri Esperanto". La besedoj estas fakte kunvenoj plene apertaj al ĉiu interesito.

Cetere, Pastro Jonás Castro diservas Esperantlingve la unuan vendredon de ĉiu monato en la kapelo *Nª Sra del Sagrario* je la sesa vespere. La ĉeestantoj, plejparte ne esperantistoj, ricevas gvidilon en esperanto por plene partopreni la meson.

*L. Hernández*

## Katalunio

En BEC (Barcelona E-Centro) okazas meza kaj elementa kursoj sub la gvido de M. L. Zamora, kaj supera kurso gvidata de S. Aragay.

La "6a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo" sub la aŭspicioj de Hispana E-Muzeo, okazos de la 3a ĝis la 10a de oktobro 1998, en urbo Calafell, provinco Tarragona. Informas: Hispana Fervojista Esperantista Asocio; apartado 15027; 08080 Barcelona; Tel: 93-7275021; retpoŝto: jserrano@oc6.es




Pliajn informojn oni povos rekte ricevi en la 57 Hk en Valadolido.

32 gesamideanoj kunvenis en salono de "Aula de Cultura de Sant Josep", en L' Hospitalet, la 18an de januaro okaze de la e-babilado dediĉita al la temo "La patrio".

S-ro Martí Guerrero kaj lia edzino spicis la debaton, kiu daŭris du horojn, per trinkaĵoj kaj kukoj. Kaj poste la babilado pluis en apuda restoracio dum pliaj... tri horoj!

En Figueres, la 15an de februaro, 26 geesperantistoj kunvenis por babili pri la temo "Maastrich" en salono de la loka *Museu de l' Emporda*.

La kunveno, anoncita sur butikaj montrofenestroj, altiris la atenton de la loka televidstacio kaj de pluraj scivoluloj, kiuj, je la fino, estis informitaj pri la celoj de Esperanto, kaj pri ties gramatika konstruo.

*Luis Serrano Pérez*

## Madrido

Miguel Fernández prelegis en la sindikato "Solidaridad Obrera" la (Laborista solidaro) 22an de januaro. Li faris historian kaj lingvan prezenton de Esperanto. Pri la unua aspekto, li enfazis la rilatojn inter la internacia lingvo kaj la

laborista movado, kio vekis grandan intereson ĉe la aŭskultantaro.

Ekde februaro MEL (Madrida E-Liceo) kunvenas, lunde je la 18.30 h, ĉe HEF. Do, tial ke ne plu funkcias la ĝisnuna sidejo en Atocha 98, bonvolu ne sendi korespondaĵojn al tiu adreso, sed al jena poŝta adreso: MEL; San Alejandro 6-4°B-Ext; 28005 Madrid.

La Asocio donacis al la islama centro de Azuqueca de Henares (Guadalajara) sian meblaron escepte de la piano kaj de la normala labormaterialo (arĥivo, biblioteko, stoko de libroj por vendi...).

La informilo de MEL, Nia Voĉo, legeblas en internet, danke al José F. Martín, ene de la TTT-paĝaro de Andaluzia Esperanto Unuiĝo: www.ciudadfutura.com/esperanto

Kursoj: En "Centro Cultural Maestro Alonso" (kvartalo Ventas). Merkrede de la 18.30 ĝis la 20.00. Kaj en "Centro de Día Puente de Toledo" (Mercedes Arteaga 18).

La 17an de februaro vizitis la Centran Oficejon de HEF la niĝeria rifuĝinto Samuel Adebowale, kiu jam de kelkaj monatoj ricevas apogon de esperantistoj en sia azil-peto.

La 19an de februaro vizitis la HEF-ejon fotisto de Ediciones El Prado, kiu kunlaboras en la preparo de artikolo por la enciklopedio "Qué saber". Li elektis fotojn kaj, samtempe, oni korektis la tekston de la artikolo pri esperanto.

La revuo "Gazeta Universitaria" publikis intervjuon kun lernanto de la koresponda kurso de HEF.

Radio "Onda Norte", radio-stacio elsendanta en la norda kvartalo de Madrido, elsendis inform-programon pri esperanto.

*Lupe Sanz*

## Murcio

La 29an de januaro, s-ano Jesuo de las Heras komencis novan e-kurson ĉe la Ateneo "Apoyo Mutuo" de Beniajín, urbeto situanta apud la ĉefurbo. Estas ok gelernantoj, sed oni antaŭvidas la alvenon de pliaj.

## Valencio



En la Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencia (Hispanio), okazis kun granda sukceso kurso de E-o por universitatanoj. Fakte ĝi estas la unua kurso okazinta en Hispanio kun vera oficiala akademia valoro. Ĉiu partopreninto ricevis atestilon, kiu samtempe valoras du akademiajn kreditojn. La nuna universitata sistemo de Hispanio postulas ke ĉiu studento, devas nepre akiri krom la kreditoj ligitaj al la devigaj normalaj studobjektoj, aliajn 15 kreditojn akireblajn el diversaj proponitaj kursoj. Ĉi jare unu el tiuj kursoj rilatis al Esperanto.



Kvankam oni planis ke la aliĝo daŭru dum monato kaj duono, tute neatendite en apenaŭ 4 tagoj aliĝis 50 gestudentoj, spite al tio ke la kurso devis okazi en la Lingva Laboratorio de la Fakultato, kun entute 24 sidlokojn. Kompreneble, oni devis tuj formeti la informfoliojn, pro spacomanko, por ke neniu plia aliĝu. Finfine oni devis akcepti 60 partoprenantojn, metante aldonajn seĝojn en la klasĉambron.

Fakte eĉ sen propagando aliaj 50 interesiĝantoj petis aliĝi, kio tute ne eblis, ĉar ĉiuj grandaj klasĉambroj estis okupataj en tiuj datoj. Do, por la venonta lernojaro de la universitato, ni jam havas liston de homoj kiuj ne povis aliĝi, krom la scio ke tutcerte amaso da gestudentoj aliĝos, por kio oni pretigos pli grandan klasĉambron.

La profesoro estis s-ro Augusto Casquero, kaj agis kiel oficiala direktoro de la kurso doktorino Berta Raposo. En la inaŭguro prelegis profesoro Antonio Alonso, eksa Prezidanto de HEF, kaj en la fermo, tute en Esperanto, prelegis la fama esperantista poeto Miguel Fernández, sub la titolo: "Sur la spuroj de Federico Gracía Lorca".

Fine de la kurso, dum la Oficala Fermo, la Dekanino de la Fakultato, Doktorino Carmen Morenilla, disdonis la diplomojn, kaj varme rekomendis la lernantaron daŭrigi la lernadon de E-o, laŭ ŝi "la interkomunikilo de la estonteco", kaj ankaŭ instigis la partoprenintojn doktoriĝi pri Esperanto en la Fakultato. Samtempe ŝi informis ke laŭ la planoj de la Fakultato, la studado de E-o ne nur estos libere elektebla studobjekto, sed ankaŭ normala studobjekto de la kariero. La semo tuj komencas doni frukton, ĉar jam diversaj hispanaj universitatoj petis informojn, por organizi similajn kursojn.



La 1an de Marto, la valencia E-grupo inaŭguris sian novan sidejon. La nova ejo aperis tute renovigita, farbita, ktp, danke al la laboro malavare farita de membroj de la asocio, kiuj kun granda entuziasmo finpretigis ĉion akurate por la inaŭguro. En la festo kuniĝis granda amaso da no-



vaj kaj malnovaj membroj, eĉ pluraj kiuj de longe ne vizitis la klubejon, kaj estis denove rekaptitaj.

La etoso estis tre agrabla kaj amikeca, kaj ĉiuj aspektis ege kontentaj pro la aĉetado de la sidejo, kiu ekde nun restos por ĉiam kiel havaĵo de la asocio, kio permesas pli optimisme rigardi la estontecon, permesante agadi kun granda libereco.

En la inaŭgur-aranĝo salutis kaj prelegetis unue la Prezidanto, s-ro Sempere, la eksa prezidanto de HEF, s-ro Alonso, la Prezidanto de Valencia Esperanto-Federacio, s-ro Cabezos, kaj, leginte la ricevintajn salutmesaĝojn, la sekretario,



Augusto Casquero, krom kelkaj gastoj.

Fine de la oficiala parto, la ĉeestantoj frandis bongustajn manĝaĵetojn, trinkaĵojn (inter kiuj ne mankis la tradicia





hispana "sangria"), ktp, kiel regalon de la asocio.

La nova adreso de "Grupo Esperanto de Valencia estas jena: Grupo Esperanto de Valencia;Avenida Peris y Valero, 96, 3a-5; ES-46006 Valencia; Hispanio; Tel/faks-numero: 96-3744399; e-poŝto: a-casquero@redestb.es

Kiel kutime, la asocio kunvenas merkrede 19h—21h escepte de festotagoj.

*Augusto Casquero*

## Solotronik

Jen la nova nomo de "Solo", kiu pere de avangarda elektronika muziko klopodas konigi Esperanton en kelkaj muzikaj medioj de nia lando. Lastatempe unu el liaj kanzonoj aperis en disko de la revuo *Future Music*, kiu aldonas klarigan noton pri la a_toro kaj ties muziko.

Laste aperis lia albumo Elektra-2, en kiu oni povas trovi version de La Espero. Sed li da_re laboras preparante novajn muzikpecojn, kiujn li registras per novaj pli modernaj son-sistemoj. La rezulto certe impresos tre favore la esperantan plublikon.

Laste, sed ne balaste, Solotronik pretigas "videoklipon" por TV kun kanzonoj, kompreneble, en Esperanto.

# Premio por UEA-peranto

Plifortigi UEA per kreskigo de ties membraro estas unu el la celoj de la Kampanjo 2000. Por akceli tion la Estraro de UEA decidis asigni premion al la perantoj, kiuj en 1998 proporcie plej multe kreskigos la membraron en sia lando.

Partoprenas la konkurson la oficialaj kotizperantoj de UEA, ekscepte tiu de la kongresa lando.

La kreskon oni kalkulos pere de poentoj asignitaj al ĉiu membrokategorio (MG valoras 1 poenton, MJ(T) 5, MA(T) 10 kaj nova DM 50). Nur rajtigas al poentoj tiuj novaj membroj akiritaj de la peranto.

La landoj estos dividitaj en tri grupojn, depende de la poentosumo de la membroj liveritaj de iliaj perantoj por 1997. Se dum tiu jaro ne ekzistis peranto por la lando, bazo de la konkurso estos poentosumo de la tuta individua membraro en tiu lando en 1997.

En ĉiu grupo la peranto, kiu proporcie plej multe kreskigos sian poentosumon, ricevos monpremion de 300 guldenoj.

Okaze de venko de lando, kie agas du oficialaj perantoj, la premio estos dividita inter ili proporcie laŭ ilia poentosumoj.

La limdato por liveri membrojn, kiuj donas poentojn por la konkurso estas la 31a de decembro de 1998.

La Centra Oficejo anoncos la venkintojn en la revuo "Esperanto" post la konfirmo de la rezulto.

HEF estas oficiala peranto de UEA. Ne maltrafu la okazon profitigi ankaŭ ĝin. Fariĝu membro de UEA pere de via oficiala peranto kaj instigu viajn konatojn fari same!!!

## Atentu!

Ĉiuj Asocioj esta invitataj havi propran paĝon sub nia adreso www.esperanto-es.org kaj tiel subteni la laboron de HEF en Internet. Kontraŭ 15.OOO ptjn jare ni garantias belaspektan paĝon kun la teksto, kiun mem redaktos ĉiu Asocio. Se la oferto interesas vin, sendu al HEF peton por malfermo de la servo, logotipon kaj aliajn bildojn (fotojn, desegenojn...), kiujn vi deziros aperigi en la paĝo, kune kun teksto kaj kopio de kvitanco de la pago en la konto de HEF.

## La Kongresanoj ĝuos avantaĝojn!

Libroservo de HEF ofertas al ĉiuj kongresanoj, pagintaj plej altan aliĝkotizon, 10% rabaton en ĉiu mendo sendota per poŝto kaj kontraŭremburse.

La oferto validos ĝis la 30a de aprilo de 98. Okazon kaptu ĉe la kapo ĉar la vosto estas glita! Mendu tuj ĉe:

Libroservo de HEF
Apartado 119
47080 Valladolid
Tel: 983-26-00-86.




# ILEI

ILEI-Seminario okazos en Gresillon (20-31.7.98) sub la gvido de D. Chaters, prezidanto de ILEI, kunlabore kun la cetera programo de la Kulturdomo. Dum unu semajno ĝi celos doni unuavice teorian bazon por diversaj efikaj aliroj al aktiva komunika instruado de la lingvo. La partoprenantoj ricevos novajn instrumaterialojn pri la teorio kaj praktiko de la metodoj uzataj. Tiujn oni praktike demonstros per videaj materialoj kaj ĉiutagaj modelaj lecionoj por ĉeestantaj bazlernantoj de la lingvo, en kies trejnado povos partopreni la seminarianoj.

La dua semajno (al kiu jam spertaj instruantoj de la lingvo povos aliĝi aparte sen la antaŭa) konstruos sur tiu bazo per la diskuto de praktikaj detaloj rilate la enkondukon de E-o en lernejoprogramon, efika elekto kaj uzo de lernomaterialoj, lecionplanado, kreo de praktikaj ekzercoj kaj aŭskultokompreno, parolado, legado kaj skribado, akiro de gramatiko kaj interkultura kompreno.

Informas: Kultura Esperanto-Domo Gresillon; FR-49150 Bauge; Francio, telefono: ++33.2.41.89.10.34

Cetere, la 5a ILEI-Gimnazio okazos tuj post la 83a UK, de la 8a ĝis la 14a de aŭgusto 1998, paralele kun la 32a ILEI-Konferenco en la ĉi-jara kongresurbo, Montpeliero. La Internacia Ligo de Esperantaj Instruistoj (ILEI) atendas geknabojn en la aĝo de 13-17 jaroj el la tuta mondo por kune pasigi unu semajnon en harmonia, vera internacia etoso.

Partoprenantoj havos krom tradiciajn (literaturo, geografio, muziko) nekutimajn lecionojn (ekologio, folkloro, komputiko kaj moderna vivmaniero). La instruistaron konsistigos spertohava internacia kolektivo.

Partoprenkotizo: 29. Gimnazianoj ricevas 20%-an rabaton el loĝ- kaj manĝokostoj! Posttagmeze okazos ekskursoj, kulturprogramoj, sportludoj kaj estos tuttaga autobusa ekskurso kun la konferencanoj. Informas: Bertil Andreasson, Sodra Rorum pl 455, SE-242 94 Horby, Svedio.

## ALVOKO

ILEI nomumis s-ron Pedro M. Martín Burutxaga reprezentanton por Hispanio, cele al la kreo de sekcio en nia lando. Nu, ĉar Instruado estas ĉefa flanko en la disvastigo de Esperanto, ni invitas vin fariĝi membro de ILEI kaj helpi alportante sugestojn kaj partoprenante en pedagogiaj aranĝoj.

Membro de ILEI povas esti ĉiu esperantista instruisto, ne gravas ĉu li instruas esperanton aŭ ne; ĉiu esperanto-instruanto (profesia aŭ ne); kaj ĝenerale ĉiu esperantisto kiu interesiĝas aŭ okupiĝas pri lingvo-instruado. Kontaktu: Pedro M. Martín Burutxaga; Ctra. Estació 2, A-5-2; 17300 Blanes (Girona); pmarti10@pie.xtec.es




## Biblioteko savota

FAME-fondaĵo decidis kontribui per 3000 germanaj markoj al savado de eminenta kolekto de precipe E-periodaĵoj, la biblioteko de fondaĵo Vanbiervliet en belga urbo Kortrijk.

Stefan Maul, prezidanto de FAME

## Oficiala rekono

La Internacia Esperanto-Muzeo (IEM) estas unu el la malmultaj oficiale agnoskitaj, kaj per ŝtato financataj, Esperanto-bibliotekoj. Ĝi estas parto de la Aŭstria Biblioteko, kiu ekde marto 1998 ofertas retan aliron al nova katalogo, kiu nomiĝas Trovanto.

La serĉlingvo de Trovanto estas ekskluzive Esperanto. Ĝi entenas librojn, manuskriptojn, nekomercan literaturon, kasedojn, diskojn, elektronikajn publicaĵojn ktp. kaj listigas eĉ unuopajn artikolojn de sciencaj kaj beletraj libroj.

Oni povas serĉi la dokumentojn laŭ plej diversaj kategorioj, ekzemple laŭ aŭtoroj, titoloj, temoj ktp. Ĝi estas do utila instrumento por ĉiu serĉanto kaj esploranto.

Troviĝas en Trovanto ĉiuj dokumentoj akiritaj de la Internacia Esperanto-Muzeo ekde 1996, sed iom post iom enkomputiliĝos la tuta havaĵo. Per tio kreiĝos kun la paso de la tempo elektronika katalogo fakte kompleta de la Esperanta literaturo kaj kulturo. La adreso estas: http://www.onb.ac.at/online_s/esperanto/espdb.htm

*Herbert Mayer*

## Meritkruco

Je la 17a de marto 1998 Prof. Dr. Helmar Gunter Frank,

prezidanto de Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San-Marino, en Düsseldorf [pr. Disel dorf] (Germanio) ricevos la Federacian Meritkrucon Unuaklasan de la Merita Ordeno de Germanio.

Per tiu alta distingo la prezidento de Germanio honoras la sciencajn kaj homajn meritojn, kiujn Frank akiris ankaŭ pri la fondo de kaj en la laboro por AIS.

## Internacia Junulara Kongreso

La Kroata Poŝto eldonos telefonkarton kun la kongresa simbolo.

La urbestro de Rijeka, Slavko Liniĉ anoncis financan subtenon al la aranĝo.

La Televido aktuale traktas kun KEJA pri speciala debat-elsendo pri Esperanto en kiu partoprenos mezlernejanoj.

Cetere, la dusemajna enigma revuo FENIKS ekpublikigis felietonan Esperanto-kurson en 12 lecionoj.

S.Ŝtimec

## Japanio

La 8an de marto "Kjoto Ŝimbun" (Kioto-ĵurnalo) raportis pri la lanĉo (la 7an de marto) de la oficiala ttt-paĝaro de

7an de marto) de la oficiala ttt-paĝaro de Oomoto. Atentindas la fakto ke en siaj retpaĝoj Oomoto uzas Esperanton, krom la pli kutimaj lingvoj japana kaj angla. La adreso estas ttp://www.oomoto.or.jp.

## Kanado

La 14an de februaro, Sankta Valenteno, esperantistoj de Victoria, ĉefurbo de la okcident-kanada provinco Brit-Kolumbio, organizis varietean spektaklon por 100-150 spektantoj en urba teatro "Kaleidoscope" laŭ la temo "Amu la Teron".

La programon organizis kaj gvidis Wally du Temple (nuna kasisto kaj iama prezidanto de Kanada Esperanto-Asocio). Ĝi havis erojn artajn kaj amuzajn.

## TEJO-seminario en Vitoria

Inter la 25a de aprilo kaj la 2a de majo Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) okazigas sian sekvan seminarion en Vitoria-Gasteiz (Hispanio) kun la titolo "Homaj rajtoj sub premo". Seminarianoj en la TEJO-aĝo (sub 30 jaroj) havos la eblecon diskuti kaj spertiĝi kun la helpo de fakuloj pri la kvindekjariĝanta Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj, pri la praktika universaleco de homaj rajtoj, pri rajtoj de etnaj kaj alispecaj minoritatoj ktp. La seminarion subtenas la Eŭropa

Junulara Fondaĵo de la Konsilio de Eŭropo, pro tio partoprenkotizoj estas tre favoraj kaj oni ricevas 50%-ojn de la vojaĝkostoj.

La taggĵurnalo de Victoria "Times-Colonist" publikigis artikolon pri la spektaklo. Kun ĉiu ekzemplero de la programo oni donis informilon pri Esperanto kaj kopion de la Manifesto pri la Esperanto-Movado (en angla traduko).

*Paul Hopkins*

## Radio Aŭstria Internacia

Ĝi elsendas laŭ la komisio de federacia registaro kaj je kostoj de la federacio. Horoj: Dimanĉe: 04h05, 14h05 UTC en la frekvencoj: 6155 kHz (49m) kaj 13730 kHz (22m); 23h05 UTC en la frekvenco: 9870 kHz (31m). Por Mezeŭropo aldonu 2 horojn pro la somera tempokalkulo!

## Eŭropa Unio "finpagas"

Post aprobo fare de la bruselaj oficejoj de la Eŭropa Komisiono al la Fina Raporto pri "La kostoj de la eŭropa lingva ne-komunikado", fine alvenis la finpagon al la projekto de Esperanto Radikala Asocio, kiun la Komisiono estis aprobinta, kunfinancante ĝin. Estas la unua fojo en la historio, ke ĝisfunde sukcesas esperantista projekto ĉe Eŭropa Unio.

Mendu la libron "La kostoj de la eŭropa lingva ne-komunikado", fakte "ora libro" por la esperantista politika batalo en Eŭropo por la venonta jarkvino.

## Studkonferenco de AIS

En la semajno 1998-02-13/22 en Paderborn, Germanio, okazis "Internacia Semajno Renkontiga" kun scienca programo sub la moto Kunekzistado-komunikado-kunlaborado en Eŭropo kaj la scienca mondo". Organizantoj estis la

universitato de Paderborn, Asocio por Translingvolima Eŭropa Komunikado (Eŭropa Klubo), Institut für Kybernetik Berlin kaj Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San-Marino.

La temo estis traktata en sep kursoj (plus unu Esperanto-kurso) okhoraj, en kiuj partoprenis ĉ. 80 studentoj interalie el Rumanio, Slovakio kaj Pollando, kiuj venis kun financa subteno de DAAD (Germana Akademia Servo pri Eksterlando). Tri el la kursoj estas parte a^u tute alireblaj per la Interreto. Krome kunvenis spertulrondoj, por diskuti interalie la strukturon

de konstruata studplano pri eŭrologio, trejnonta fakulojn pri eŭropaj aferoj.

## Ĉeha-esperanta vortaro

Post 13 jaroj da diligenta laboro de ĝia aŭtoro Karel Kraft kaj liaj fidelaj kunlaborantoj, ĵus aperis la plej ampleksa ĉeĥa-esperanta vortaro, kiu enhavas sur 512 paĝoj 23.565 esprimojn. Ĝi liveras ĝis nun mankantan vortprovizon, kiu povas tre bone servi ne nur dum simpla korespondado, sed sufiĉas eĉ por verkado kaj tradukado de pli komplikaj beletraj kaj fakaj verkoj. Certe la dispono de tia ampleksa vortaro levos la lingvan nivelon de ĉeĥaj esperantistoj. Baldaŭ la vortaro estos rekte aĉetebla en ĉiuj bonaj librovendejoj en Ĉeĥio.

*Petro Chrdle*

## Brusela E-Centro inaŭgurita

"De la 17a de januaro 1998 la ĉefurbo de Eŭropo gastigas plian ambasadon." povus esti la enkonduka frazo de gazetara artikolo pri la inaŭguro de la Brusela E-Centro. Efektive, la teretaĝaj salonoj en kiuj estis festita la ĝojinda evento, elradias ian prestiĝon per siaj 5 metrojn alta plafono kaj marmoraj kamenoj. En tiu agrabla loko kaj bona etoso 80 samideanoj tostis je prospero por la nova iniciato.

La domon aĉetis kaj renovigis profund-idealisma brusela esperantisto, s-ro André Mertens Goossens en 1993.

Esperantistoj travojaĝantaj Bruselon estas kore invititaj halti por ankoraŭ pli internaciigi la kulturajn vesperojn aŭ eĉ prezenti prelegon aŭ artisman kontribuon. Kontaktoj pere de Brusela Esperanto-Centro, bd Leopold II 176, B-1080 Brussel, tel/fakso +32 2 411 71 75, rete jorgo@agoranet.be.

## Kongresa Informilo

Kongresejo: "Centro Cívico El Campillo", en la urbocentro.

Ĉiu kongresano devas plenigi apartan mendilon. Sendu mendilon kaj kvitancon de la pago al "Congreso de Esperanto", Apartado 119, 47080 Valladolid.

La koncernan kotizon enkasigu en la konton de Caja Postal numero 1302-4600-0023306865. Pagante menciu sur la kvitancilo: Federación Española de Esperanto (Congreso).

Memoru: aliĝiloj sen samtempa pago ne validos.

Pri loĝado kaj kongreskotizoj: bv. konsulti la 31an paĝon de Boletín 334.

La aliĝilon vi trovu sur la 32a paĝo de Boletín 334.

# Premio Klara Silbernik

Instervjuo al s-ino Carmen Álvarez de Urueña

D.— *Kara samideano Jacinto Urueña, la komisiono por la premio Klara Silbernik decidis aljuĝi al via kara edzino kaj samideanino Carmen Álvarez. Kion vi opinias? Ĉu edzo povas labori por la movado sen la helpo de sia edzino?*

R.— La laboro, kiun ununura persono povas fari en la e-movado, povas esti sukcesa, sed la sama laboro, kunlabore kun la edzino, disvolviĝas multe pli facile. Cetere, oni ofte bezonas kuraĝigon por pli bone agi.

D.— *Estas evidente ke vi travivis kune multajn jarojn, kaj dum tiuj jaroj Esperanto sendube ludis gravan rolon en via hejma vivo. Nu, kara samideanino Carmen, kiamaniere vi helpis vian edzon en la e-laboro?*

R.— Ni komencis lerni Espeanton kune en unu el la kursoj, kiujn bonege gvidis s-ro Mariano Cantalapiedra, fondinto de la Grupo Fido kaj Espero, en la jaro 1960, kaj ni plu laboris kune en la valadolida grupo.

Mia edzo havis diversajn postenojn en la estraro de la grupo. Li prelegis tre ofte pri Esperanto kaj pri aliaj temoj, li estis libroservanto de HEF, kiam ĝi havis la sidejon en Valadolido. Tiam mi helpis lin pakante librojn. Li partoprenis en la juĝ-komisiono kiu liveris la diplomojn de ILEI, kune kun s-ro Francisco Zaragoza kaj s-ro Molins, kaj ni laboris ĉiam kune, kaj ni helpis laŭ niaj kapabloj.



*Geedzoj Jacinto Urueña kaj Carmen Álvarez*

D.— *Jen demando por vi ambaŭ: Ĉi tiu premio celas rekoni la helpon de la edzino al sia edzo. Sed, en via kazo, la kialo iom ŝanĝiĝas ĉar vi ambaŭ eklaboris kune. Ĉu la premio ne kuraĝigas vin daŭre agi en reciproka kunlaboro?*

R.— Kiel dirite, ni ĉiam laboris kaj apogis la poresperantan laboron, sed nun, ne havante sidejon la Grupo Fido kaj Espero kaj estante ni ambaŭ nejunaj, ni kun plaĉo laborus, sed ne estas eblecoj. Dum jaroj ni vojaĝis kune al la Naciaj Kongresoj kaj ni tre ĝuis la eventojn, sed nun ni ne plu povas vojaĝi.

D.— *Venis novaj tempoj, novaj konceptoj pri la vivo kaj, meze de ĉi tiu ŝtormo, troviĝas Esperanto. Nu, kian estontecon vi antaŭvidas por nia kara lingvo?*

R.— Ni rigardas la estontecon de la movado kun bedaŭro, ĉar la ideo de internacia interkompreno estas mirinda, sed nun ŝajnas ke la junularo sekvas

aliajn vojojn kaj ŝajnas malfacile ke la nombro da membroj de nia movado multe kresku.

D.— *Diras astura kanzono: "benita estu la branĉo kiu al sia trunko similas". Mi citas ĝin, ĉar vi ambaŭ povas fieri pri via filino Rafaela. Kion vi opinias rilate al tio ke la gefiloj subtenas kaj daŭrigas la idealojn de la gepatroj?*

R.— Ni estas tre kontentaj, ĉar ni vidas ke ŝi kaj ŝia edzo laboras kun entuziasmo pri la zamenhofa idealo. Tion bone pruvas la fakto ke ili nun preparas la venontan Nacian Kongreson en Valadolido.



# Emas korespondi

* Ĵus fondita Esperantolingva Instituto en Mongolio serĉas apogon per korespondado. A. Ĝiigĝiddorĝ; P.O. Box-1117; C.P.-13 Ulaanbaatar - 210613; Mongolio.

* 2 Polaj 23 jara gestudentoj emas korispondi, gastigi e-istojn en Pollando kaj interŝanĝe viziti Hispanion. Lukasz Kulewski; ul. Kazimierza Wielkiego 71/1; PL-50-058 Wroclaw; Pollando. Malgorzata Kruaze; ul. Jableczna 13/23; Wroclaw; Pollando.

* Gelernantoj de baza lernejo volonte korespondus kun hispanaj gejunuloj. Esperanto-Rondo; Szkota Podstawowa nr 34; ul. Reymonta 62; PL-44-200 Rybnik; Pollando.

* Interesiĝas pri la hispana kulturo, muziko, kaj bildkartoj: Pietrykowska Zenon; Wymystóis 190; 27-222 Kunois; Pollando



# Jen aperis



Jen la laste ricevitaj eldonaĵoj. Ĉiu libro aŭtomate aldoniĝas al la katalogo de la Biblioteko Juan Régulo.

**Tien.** Romano. Johan Valano. Vieno: IEM 1997. 142 p. ISBN 3 90 1752 12 9. 23 cm. Pri malfacile kredebla vojaĝo al paralela mondo.

**La vidvino kaj la profesoro.** Romano. Ronald Cecil Gates. Vieno: IEM, 1997 132p. ISBN 2 901752 06 4. 23 cm. Aŭtobiografie inspirita amromano.

**La Internacia Esperanto-Muzeo.** Christian Cimpa, Herbert Mayer. Vieno: 1992. 24 p. 21 cm. Kajero pri la historio, taskoj kaj perspektivoj de la viena e-muzeo.

**La okcidenta-orienta akrido.** William P. Vathis. La aŭtoro, Spokane, 1997

**La bona lingvo.** Claude Pirón. Vieno: IEM, 1997, 116 p. 23 cm. Dua eldono.

**La brulanta kastelo.** Leopold Vermeiren (1949). Ilustris J. de Simpele. El la flandra trad. Ivo Durwael. FEL, 1997, ISBN 90 7120571 1, 48 p. 20 cm. Mezepoka historio pri la Ruĝa Kavaliro.

**Leksikaj ekskursoj.** Unua volumo. Christiane De Vleminck kaj Emile Van Damme. Flandra E-Ligo, 1997, ISBN 90 71205 69X, 118 p. 20 cm. Ekskursoj tra la lingvo Esperanto por riĉigo de la vorttrezoro.

*Ana Manero*

# Invitoj

Ĉeĥa Esperanto-Junularo invitas vin al siaj "7aj Internaciaj E-Kursoj por Gejunuloj", de la 15a ĝis la 25a de julio 1889 en Prago. La aliĝo kostas 270 DEM. Estos kursoj baza, paroliga, perfektiga, didaktika kaj kulturaj kaj sportaj aranĝoj. Informas: Renata Beranová Svatoplukova 43; CZ-78401 Červenka; Ĉeĥio; cea@tnet.cz

*

Por senmonaj interŝanĝoj kaj kreditoj alternativaj kreiĝis SIKA-Esperanto, kiu anoncas Internacian Renkontiĝon pri RIS (Reto pri Interŝanĝo de Scioj), SIL (Sistemo pri Interŝanĝoj Lokaj), ktp. en kasteleto apud Montpelier de la 28a ĝis la 30a de julio 1998. Informas: Emilo Mas-Galapian; FR-47190 Aiguillon; Francio.

*

De la 18a ĝis la 24a de julio 98 okazos en Trieste, Italio, Internacia Esperanto-Konferenco pri la temo "Kultura heredaĵo de Romo". Estos prelegoj, debatoj kaj voĉdonado por la OSIEK-premio. Ankaŭ oni ĝuos tritagan postkonferencan turismon. Informas: Elda Doerfler; C.P. 601; IT-3410 Trieste; Italio. Tel: (040) 763244.

*

De la 3a ĝis la 10a de junio okazas la 16a printempa staĝo en la apudmara urbeto Agde (proksime al Montpeliero). Informas: Cercle Biterrois d' Esperanto; 9, rue Georges Picot; FR-34500 Beziers; Francio: Tel: (S-ino Authier), 04.67.311.318.

*

La brazila eldonejo Fonto kaj la germana Edition Iltis decidis premii per 500 NLG la plej bonan detektivan romanon pri la temo "kiu ŝtelis la SAT-arkivon?", laŭ la novaĵo aperinta en la revuo Eventoj (1997, n-ro 133, p. 1). Limdato: 30a de junio 1998. La romano devas ampleksi 100 presitajn paĝojn. Informas: Edition Iltis; Schulstr. 30; D-66133 Scheidt; Germanio.






# Lingva Angulo 2

Antonio Valén

## "Ni parolu pli bone"

## PRONONCADO

"Kiel oni prononcu la esperantajn konsonantojn? Aĥ, la aĉaj kaj ĉiam problemaj ĵo, ŝo, vo kaj ĉefe tiu fia ĝo! Zamenhof devintus elpensi sian internacian lingvon pli hispanece!"

Tian eldiron mi tute ne inventis, sed aŭdis de freŝ-bakita esperantisto. Ja veras, ke opo da konsonatoj de la zamenhofa lingvo aparte malfacilas por hispanlingvaj komencantoj; tamen same veras, ke kelkaj iom troigas...

Kiam oni instruas elementan kurson de esperanto, ŝajnas al mi, ke ne tro utilas insistadi pri ĝusta prononcado, ĉefe al hispan-lingvanoj: ja la novaj esperantistoj iom post iom mem alkutimiĝas kaj lernas akrigi siajn orelojn por la sonoj de la nova lingvo. Problemoj tamen estas: ne malofte, la lernolibroj de esperanto por hispan-lingvanoj neglektas la fakon pri prononcado de la esperantaj konsonantoj, kaj se jam de la komenco oni lernas ion ajn malbone, poste tre malfacilas korekti malnovajn misojn. En diversaj lernolibroj, oni povas legi, ekzemple, ke prononco de ĝ egalas al ia "dsch" (klarigo eble valida por germanoj). Nu, kiu hispan-lingvano kapablus vere prononci tian monstraĵon? Maksimume oni atingus aborton kian "dsĉ", ja neekzistanta kombino en la internacia norma prononco. Cetere, kia estas tiu "internacia prononco". Pluraj aŭtoroj rekomendas simplan, sed efektivan regulon: oni plej bone parolas esperanton, kiam kunparolantoj ne povas rimarki vian lingvan apartenon laŭ via akĉento.

La norma esperanto havas 28 fonemojn (aŭ 26, depende, ĉu oni konsideras la sonojn de j kaj ŭ alofonoj de la fonemoj i kaj u) kaj la norma kastilia hispana, 24. Esperantaj vokaloj certe ne kaŭzas problemojn al meza hispan-lingvano, sed kelkaj konsonantoj -ne ekzistantaj en la hispana kiel fonemoj- ja fariĝas fal-ŝtonoj por ĝusta prononcado. Ĉi-sekve, mi donos kelkajn konsilojn por glatigi la vojon de la prononcado al niaj komencantoj:

Ĝ egalas la katalunan duliteron TG/TJ en viatge, platja, la anglan DG en Cambridge, la francan DJ en adjoint, la italan G en giro, la portugalan DJ en adjectivo. Jen sono (kvankam ne fonemo) ekzistanta en la hispana por Y post L aŭ post N: el yunque, un yermo. La lokigo de la prononc-organoj (lango, dentoj, lipoj, palato) egalas tiun de la hispana CH (esperanta Ĉ), sed vibrigante la voĉ-kordojn. Sube mi klarigos, kion signifas "vibrigi la voĉ-kordojn". Ekzemple: ĝibo [giba, joroba], Ĝenovo [Génova].

H egalas la anglan H en house, la germanan H en Hund. Jen sono (kvankam ne fonemo) ekzistanta en la andalu-

za hispana por J ĉe bajar, tejer. Ekzemple: hamstro [hámster], Saharo [Sáhara].

Ĵ egalas la katalunan J en justeja, la anglan S en usual, la francan J en journal, la portugalan J en jovem. Jen sono (kvankam ne fonemo) ekzistanta en la Bonaera hispana por Y antaŭ vokalo ĉe yo, mayo. Ekzemple: ĵurnalo [periódico], ruĵo [rojo de labios].

Ŝ egalas la katalunan X en caixa, la galegan kaj portugalan X en peixe, la anglan SH en ship, la francan CH en chaud, la italan SC en pesce, la germanan SCH en schon. Jen sono (kvankam ne fonemo) ekzistanta en la andaluza hispana por CH ("mushasho"). Ekzemple: Ŝekspiro [Shakespeare], ŝaho [sha de Persia].

V egalas la anglan V en vanity, la francan V en vie, la italan V en vita, la portugalan V en vida, la germanan W en Wein. Malkiel en la hispana, en esperanto ĝi neniam identas al B. La lokigo de la prononc-organoj (lango, dentoj, lipoj, palato) egalas tiun de F, sed vibrigante la voĉ-kordojn. Ekzemple: vivo [vida], Vieno [Viena].

Z egalas la katalunan, galegan, portugalan, italan S en rosa; la anglan Z en zero, la francan Z en zéro, la germanan S en Rose. Jen sono (kvankam ne fonemo) ekzistanta en la hispana por S antaŭ voĉa konsonanto, ekzemple en musgo. La lokigo de la prononc-organoj (lango, dentoj, lipoj, palato) egalas tiun de la (sud)hispana S en Sevilla, sed vibrigante la voĉ-kordojn. Ekzemple: rozo [rosa], zipo [cremallera].

Fonemo estas voĉa kiam voĉ-kordoj vibras en la gorĝo; senvoĉa, kiam ili ne vibras. Ni povas facile percepti voĉajn fonemojn perfingre premante ĉe la angulo de la submentono kaj la gorĝo: nur ĉe voĉaj fonemoj ni sentas vibradon en la gorĝo (ekzemple, ĉe vokaloj: a, e, i, o, u). Por tia kontrolo de unuopa konsonanta fonemo tre gravas ne prononci samtempe apog-vokalon, ĉar ĉiuj vokaloj voĉas kaj do vibrigas la gorĝon. Oni ne diru "efe", sed "f"; ne "ka", sed "k"; ne "ŝo", sed "ŝ" (f, k kaj ŝ estas senvoĉaj =3D senvibraj). La senvoĉaj konsonantoj de la hispana estas p, t, k, ch, z, s, j, f ("PeTaKa, CHoZaS, JeFe"), kaj tiuj de esperanto p, t, k, ĉ, s, ĥ, f, c, h, ŝ. La voĉaj konsonatoj de




la hispana estas b, d, g, y, l, ll, m, n, ñ, r, rr, kaj tiuj de esperanto b, d, g, ĝ, z, v, ĵ, l, m, n, r.

Kelkaj fonemo-paroj diferenciĝas nur per la trajto voĉeco/ senvoĉeco, nome la lokigo de la prononc-organoj (lango, dentoj, lipoj, palato) en la buŝo absolute samas, sed voĉ-kordoj vibras ĉe la voĉaj kaj ne vibras ĉe la senvoĉaj. Jen la fonemo-paroj en la hispana kaj en esperanto:

En la hispana (voĉa-senvoĉa):
b-p; d-t; g-k
En esperanto (voĉa-senvoĉa)
b-p; d-t; g-k; ĝ-ĉ; z-s; v-f; ĵ-ŝ




# LA JARO DE LORCA EN ESPERANTO

## Kasido pri la branĉoj

Tra la arbaretoj de Tamarit'
plumbaj hundoj alvenis el foro
por atendi, ĝis falos la branĉoj,
por atendi, ĝis tiuj sin derompos.

En Tamarit' pomarbo staras
kun pomo el ĝemoj kaj el ploroj.
Jen najtingal' estingas la suspirojn,
jen fazan' ilin pelas tra la polvo.

Sed, aliflanke, l' branĉoj gajas,
similas vere al la homoj,
ne pensas pri la pluv' kaj ĵus ekdormis,
kvazaŭ ludante, sume, arboroj.

Sidantaj, kun la akvo ĝisgenue,
du valoj atendadis l' aŭtun-voĉon,
dum puŝadis kun paŝo elefanta
kaj la branĉojn kaj l' trunkojn duonombro.

Tra la arbaretoj de Tamarit'
svarmas infana vualita opo
por atendi, ĝis falos miaj branĉoj,
por atendi, ĝis tiuj sin derompos.

*trd: Miguel Fernández*

Certe la esperanta komunumo dece honoros la figuron de Lorca en la centjara datreveno de lia naskiĝo per Libro, artikoloj kaj prelegoj. Vidu kaj juĝu mem...

## En Hispanio:

Prezento de la reeldono de la verko "Sanga nupto", okaze de la 57a HK de Esperanto.

Artikolo aperonta samtempe en Boletin kaj LF.

Artikolo en la Gazeto.

Prelego por ne esperanta publiko organizita de MEL kunlabore kun la Domo de Granado en Madrido.

Legado de poemoj kadre de poezia festo okazonta en Granado.

Prelego por ne esperanta publiko organizita de HEF kunlabore kun la Domo-Muzeo de Cervantes kadre de la tiel nomataj "Las mañanas de la biblioteca" (La bibliotekaj matenoj).

Prezento de la prelego "Sur la spuroj de Federico García Lorca" en la ferma sesio de la oficialaj kursoj pri esperanto, organizitaj de la Fakultato de Filologio de la valencia Universitato.

## En Francio

Prezento de la prelego "Sur la spuroj de Federico García Lorca" kadre de la blindula kongreso en Bordozo.

Prezento de la prelego "Sur la spuroj de Federico García Lorca" kadre de la ĉiujara liberecana renkontiĝo.

Internacia Studsemajno en Kvinpetalo (Bouresse) sub la titolo "Lorca kaj la hispana poezio ĉi-jarcenta" (omaĝe al Federico García Lorca en la centa datreveno de lia naskiĝo).

# Niko Sarmjento en majo de 1997

Valentín Soriano

Niko estas ronda; ronda kaj agrabla, preskaŭ kiel koton-bulo. Tamen, kiam oni pensas pri li, ja ne rondeco aŭ agrabla karaktero saltas en la menson, sed liaj okuloj; okuloj etaj, kvazaŭ fendaj aŭ ĉineskaj, ĉefe kiam li ridas. Ne strange, ke oni pensas pri liaj trančaj okuloj, ĉar ili nature sugestas subtilan inteligenton: tiaj okuloj plenas de akra-vida sagaco. Li ridas elkore, kiam ni interŝanĝas humuraĵojn (kaj eble tro multajn ni interŝanĝas). Duafoje ne strange, ĉar humuraĵoj kaj spritaj aludoj iel karakterizas inteligenton: nenian eksplikon li bezonas, ofte klarigoj superfluas.

Kompreneble, inteligento igas lin rigardi ĉion tra kritike kribraj okuloj, liaj etaj okuloj. Eble tial Niko abomenis jam de la komenco vortojn kiajn "hieraŭa", "ankoraŭa" kaj similajn esperanto-abortojn —kaj tute ne utilas, kiam mi klarigas al li pri aglutineco, interŝanĝeblaj finaĵoj, ktp— simple, se io malbelas, ne povas do ne malbeli. Permesu konfeson strikte inter ni: Niko plene pravas, ĉar fakte li ĝuas nekredeblan sensivon al beleco de l' vortoj, nome al poezio. Tamen li laŭte proklamas, ke li ne komprenas poezion, krom kelkaj tre difinitaj poemoj. Nu, eble lia agad-kampo ne konsistos en poemoj, sed en simpla poezio nuda kaj ekster kaĝaj limoj.

Niko nun deksesjaras: tempo diros, ni atendu. Nicolás Sarmiento —aŭ, liaprefere, Niko Sarmjento— estas unu el tiuj homoj, ĉe kiuj promesoj ĉiam plenumiĝas.

* * *



